# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Marto n-ro 3/2010


## EASP: NOVA ESTRARO... KAJ NOVAJ PLANOJ!

José Roberto Tenório estas la nova Prezidanto de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo, post elekto je la 27 de februaro 2010. Arnaldo A. Oliveira estas la Vicprezidanto kaj Rogério S. Ferreira la Unua Sekretario. Bonega laborgrupo ĉirkaŭas ilin. Tenório, kiu ĵus transdonis la postenon de Prezidanto de la brazila sekcio de Internacia Ligo de Esperanto-Intruistoj, estas la posedanto de konata eldonejo "Oportuno". La tuta nova grupo planas daŭrigi la bonegan administradon de la antaŭa estraro, kiun gvidis Prof-o José Genildo Coelho. Unue, oni intencas reformi la sidejon de EASP, ĉe Strato Fáustolo, 124 (Lapa), cele al pli da komforto kaj taŭga funkciado. Pri tio, oni povas spekti interesan filmeton, kiu montras la internon de la sidejo; vizitu la retejon de EASP por tiu kaj aliaj informoj pri unu el la plej aktivaj ŝtataj asocioj en nia lando: http://www.easp.org.br .
Alia granda defio de la nova estraro de EASP estas la okazigo de la Tutamerika Kongreso de Esperanto, en la urbo San-Paŭlo, en julio 2011, kune kun la tiama Brazila Kongreso de Esperanto. Por tio, la antaŭa estraro jam faris la komencajn paŝojn.
Gratulon kaj fruktodonan laboron ni deziras al la nova laborgrupo.

## MIRÓ AKTIVAS POR ILEI-BR

Leysester Miró, la ĵus elektita respondeculo pri la brazila sekcio de Internacia Ligo de Esperanto-Instruistoj, vigle komencas sian agadon. Unue, li alvokas ĉiujn aktivajn Esperantistojn en nia lando aliĝi al la sekcio. Sufiĉas plenigi informojn ĉe la adreso http://ileibr.org/brazilei/aligilo , kaj elekti, ĉu oni deziras ricevi la bonegan revuon "Internacia Pedagogia Revuo" en papera aŭ interreta versio. Ni emfazas, ke la rimedoj por bona funkciado de ILEI-BR venas ekskluzive de la membroj – inkluzive la pluan eldonadon de la altnivela revuo "BRAZILEI". La aliĝoj estas tre malmultekostaj kaj facile plenumeblaj per "Banco do Brasil".
Krome, Miró jam entreprenas enketon pri la instruado de Esperanto en Brazilo. Por tio li petas, ke ĉiu brazilano, kiu instruas nian lingvon, en kiu ajn nivelo aŭ loko, plenigu siajn informojn pere de rapida demandaro starigita de li kaj trovebla ĉe
https://spreadsheets.google.com/viewform?formkey=dE1vYlIxMzFqWUY5bDRkeTlYRm84UHc6MA

## UNU PLIA RENKONTO EN LA PARAIBA VALO

Longa vico de urboj situas en la regiono inter Rio kaj San-Paŭlo – la tiel nomata Paraíba Valo. En pluraj el tiuj urboj ekzistas kluboj aŭ rondoj Esperantistaj. Por faciligi kontaktojn inter ili, cele al kunlaboro kaj praktikado de nia lingvo, oni iniciatis antaŭ 20 jaroj la "Renkontojn en la Paraíba Valo", kvarfoje jare, alterne en ambaŭ ŝtatoj. La proksima renkonto okazos en Lorena / SP, la 28-an de marto, ĉe la Kulturdomo (R. Viscondessa de Castro Lima 10).
NI AMASE PARTOPRENU !

## EM S. PAULO, NOVA DIRETORIA, NOVOS PLANOS

José R. Tenório é o novo Presidente da Associação Esperantista de S. Paulo. Arnaldo A. Oliveira é seu Vice e Rogério S. Ferreira o Primeiro Secretário. Uma competente equipe completa a nova diretoria. Tenório, proprietário da Editora Oportuno e ex-diretor da Seção brasileira da Liga Internacional dos Professores de Esperanto, pretende manter a excelente linha de ação da diretoria anterior, encabeçada pelo Prof. Genildo Coelho. Inicialmente, planeja-se uma reforma na sede (R. Fáustolo, 124. Lapa). Veja mais informações e filme:

http://www.easp.org.br .

Outra desafio é a organização, já em andamento, do Congresso Panamericano de Esperanto, em julho de 2011, na Capital paulista. Sucesso à nova Diretoria!

## MIRÓ À FRENTE DA ILEI-BR

Leysester Miró, recém-eleito responsável pela seção brasileira da Liga Internacional de Professores de Esperanto convida a todos os interessados no progresso do movimento Esperantista que façam sua adesão à entidade pelo sítio http://ileibr.org/brazilei/aligilo. Pagamento pelo Banco do Brasil. Os membros receberão a revista "Internacia Pedagogia Revuo". Miró convoca também a todos os professores de Esperanto, em qualquer nível ou local, que respondam ao censo que visa a mapear a situação do ensino do idioma em nosso país: https://spreadsheets.google.com/viewform?formkey=dE1vYlIxMzFqWUY5bDRkeTlYRm84UHc6MA

## MAIS UM ENCONTRO NO VALE DO PARAÍBA

As cidades ao longo do Vale do Paraíba abrigam muitos grupos de Esperantistas. Os Encontros no Vale do Paraíba, acontecem há 20 anos para congregar esses samideanos. Venha a Lorena / SP, em 28-03-2010!

Casa da Cultura, R. Viscondessa de Castro Lima 10.

BEL informas

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Marto n-ro 3/2010

Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br

## NOVAJ KURSOJ EN RECIFE / PE

Wendel Pontes informas, ke Pernambuka Esperanto-Asocio, en kunlaboro kun Spiritisma Federacio de Pernambuco, komencis je la 6-a de marto bazan kaj progresigan kursojn de Esperanto. La inaŭguran lecionon plenumis la prezidantoj de ambaŭ institucioj, kaj oni montris la videomaterialon "Esperanto estas...". Klasoj organiziĝis sabate kaj lunde, kun aldono de prelegoj por pli spertaj Esperantistoj. Dudek homoj enskribiĝis por la kursoj.

## ROTARIANOJ AKTIVAS

La 27-an de februaro okazis prelego pri "Esperanto kaj Internacia Komunikado en Rotaria Mondo" en Rotarakto-Klubo São José do Rio Preto "Jardins", D. 4480, en la urbo São José do Rio Preto, ŝtato São Paulo, Brazilo. La prelego, farita de la rotaraktano Leandro Freitas, titoliĝis: "Internacia Komunikado en R.I. (Rotario Internacia)". Dum 40 minutoj, oni prezentis la problemon de la internacia komunikado (ne nur en RI-medio, sed ankaŭ en la mondo), kaj oni proponis la solvon: Esperanto – Lingvo Internacia. Oni disdonis KD-jn, en kiu oni trovas Kurson de Esperanto, artikolojn pri la temo kaj aliajn aferojn. Fine de la prelego, la preleganto invitis Juscelino Gama, fak-delegito de UEA, prezenti sin kaj doni pli da informoj. La celo nun estas plibonigi la prelegon kaj la metodojn prezenti Esperanton, kaj prelegi en aliaj Rotarakto/Interakto/Rotario-Kluboj de Brazilo. Dume, la konata Esperantisto Giuseppe Grattapaglia (bonaespero@terra.com.br) informas pri la revuo "RADE-Informilo", la organo de Rotaria Amikaro de Esperanto.

## ESPERANTO INTER POLICISTOJ

De Esperantisto el Ŝtato Espírito Santo ni ricevis ĉi tiun interesan raporton:

*"Mi estas Elcimar, junulo 23-jaraĝa el Espírito Santo. Dum la jaro 2009 mi eklaboris en la Milita Polico de mia ŝtato. Kaj ĉi tiun semajnon mi komencis instruadon de Esperanto por malgranda grupo en la kazerno. Vere ne estas multaj lernantoj, sed tio okazas pro niaj multaj taskoj kiel soldat-lernantoj. Tamen, mi tre ĝojas nun, ĉar la 750 lernantoj el preskaŭ ĉiuj urboj de la ŝtato aŭdis pri la lingvo. Ĉirkaŭ 100 ŝatis la ideon, ĉirkaŭ 30 volas partopreni la kurson . Al mi ne gravas la kvanto da lernantoj ... mi feliĉas ĉar estos pli da Esperanto-parolantoj sur la mondo. Mi loĝas en Ibitirama-ES, kie mi lernis Esperanton tute sola per interreto. En 2009 mi partoprenis la Brazilan Kongreson de Esperanto. Mi petis la komandanton, Kapitano Lozer, kaj li permesis la informadon kaj la kurson. Ĉirkaŭ dek homoj interesiĝis, sed pro tro multe da taskoj ne ĉiuj povis partopreni. Du komencis, kaj aliaj du komencos la sekvan mardon. Mi verkis malgrandan libron por uzi dum la instruado. Mia granda feliĉo estas, ke almenaŭ kvar homoj lernos iom pri Esperanto, kaj aliaj sescent aŭdis pri ĝi."*

## INFORMADO EN ALFENAS / MG KAJ VALENÇA / RJ

Je la 3-a de marto 2010 okazis prelego pri "Kio estas Esperanto?", ĉe Universitato de Alfenas / MG, sub aŭspicio de la Rektorejo kaj de "Ligustra Grupo". Post la evento oni formis novajn studklasojn. (Informis Marcos Bissoli.) En Valença /RJ, blogo de la ĵurnalo "O Fato" publikigis informon pri Esperanto je la 09/03/2010:

http://valencaculturaeturismo.blogspot.com/
http://valencaculturaeturismo.blogspot.com/2010/03/busto-do-dr-lazaro-luiz-zamenhof.html. (Informis Evandro Avellar).

### NOVOS CURSOS NO RECIFE

Wendel Pontes informa sobre novos cursos de Esperanto na cidade, com a colaboração da Associação Pernambucana de Esperanto e Federação Espírita de Pernambuco. Na aula inaugural, com os respectivos presidentes, foi mostrado o vídeo "Esperanto é..." para vinte inscritos.

### ROTARIANOS E O ESPERANTO

Em 27 de fevereiro último, Leandro Freitas apresentou palestra no Rotaract de S. José do Rio Preto / SP sobre o tema "Comunicação Internacional no Rotary", propondo a solução do Esperanto naquele meio. Foram distribuídos CDs com material sobre a Língua Internacional. O Delegado Especializado da Associação Universal de Esperanto, Juscelino Gama, também apresentou novas informações sobre o movimento Esperantista mundial.

Enquanto isso, o conhecido Esperantista Giuseppe Grattapaglia (bonaespero@terra.com.br) informa sobre o "RADE-Informilo", órgão dos "Amigos Rotarianos do Esperanto".

### ESPERANTO ENTRE POLICIAIS

O jovem e autodidata Elcimar, da cidade capixaba de Ibitirama informa que, tendo iniciado estudos na Academia de Polícia do Espírito Santo, participou do Congresso Brasileiro de Esperanto em 2009 e, entusiasmado, obteve autorização do Comandante, Capitão Lozer, para convidar seus colegas para o estudo do idioma. 750 colegas seus receberam informações sobre a língua e o movimento, dezenas deles se interessaram pelo estudo e alguns estão iniciando o curso básico. Elcimar, que estudou Esperanto sozinho, pela internet, merece nossos cumprimentos!

### DIVULGAÇÃO EM UNIVERSIDADE

Em 03/03/2010 aconteceu a palestra "Que é Esperanto?", na Universidade de Alfenas/MG. Formaram-se novas turmas. Em Valença/RJ, o blog do jornal "O Fato" noticiou amplamente sobre a Língua Internacional. (Informaram M. Bissoli e E. Avellar.)

45-a Brazila Kongreso de Esperanto
http://www.45bke2010.blogspot.com
13-16 de julio 2010
Campo Grande/MS